III Jaro. ★ XXXI Num.

★ Julio.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

**Oficiala Organo :-: :-: :-: :-: :-: :-: de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„**



S-RO JUAN ROS SUDRIÁ
**Antikva kaj entuziasma pioniro de Esperanto en Murcia**
**Aŭtoro de «La Komerca Sekretario» aprobita de D-ro Zamenhof**

# LA LEĜO DE LA DEVO

Ĉiam kiam ni traktos kun homo, klopodu ni por ke kiam ĝi nin adiaŭos, ĝi estos pli supera ol antaŭe nur pro tio ke ĝi parolis kun ni. Se ĝi estus nesciulo, ke ĝi estu post la adiaŭo pliscianta homo. Se ĝi estus malĝojanto, ke ĝi lasu nin pli gaja kaj maldolora post nia konsolo. Kiam ni parolos kun senhelpa homo kaj ni estas fortaj, ke ĝi marŝu poste subtenata de nia forto kaj energio, sed ne humiligata de nia fiero. Ĉiam kaj ĉie estu ni bonvolaj kaj kompataj, afablaj kaj utilaj al ĉiuj. Nin ne malkuraĝigu la malhelpaĵoj de la vivo, por ne malkuraĝigi la aliajn homojn. Ja estas sufiĉe da sufero kaj mizero en la mondo, ke la spirita homo estu neelĉerpebla fonto da konsolo kaj paco; ke ĝi estu kvazaŭ lumo en la mondo, tiel ke ĉiuj povas marŝi pli certe, kiam ili estas sub ĝia influo. Ni devas juĝi pri nia spiriteco per la bonaj efikoj ke ĝi kaŭzas en la mondo, kaj ni devas agi tiel ke la mondo pligrandigu sian purecon, bonecon kaj feliĉecon, nur pro tio ke ni vivas en ĝi.

Por tio ni vivas, sed por helpi, ami kaj plialtigi unu la alian? Ĉu la spirita homo taŭgas por malhelpi la progreson de siaj similuloj, aŭ por pliindigi kaj plivalorigi ilin? Ĉu li devas esti Savanto de la Homaro aŭ malhelpanto pri la evoluado de siaj fratoj kaj de kiu oni devas rapide forkuri senespere? Atentu ĝis kia punkto via influo efikas al aliaj kaj kiel viaj vortoj efikas al iliaj vivoj. Via lango parolu milde, viaj vortoj estu afablaj. Nenia kalumnia, nedeca, insulta vorto, nenia malica frazo makulu la lipojn kiuj klopodas esti la ilo de la spirita vivo. La malfacileco estas ĉe ni, sed ne ekster de ni. Tie-ĉi, ĉe niaj vivo kaj konduto mem, devas okazi la spirita evoluado. Helpu viajn fratojn kaj ne estu senindulgaj kaj neflekseblaj kun ili. Levigu ilin kiam ili falas kaj memoru ke se hodiaŭ vi staras firme, vi ankaŭ iam povas fali kaj bezoni ke ia protektanta mano helpu vin leviĝi.

*Annie Besant*

(El la verko «La leĝoj de la Spirita Vivo».)

(Trad. *F. R.)*

---

# Senvola perforta rabo

RAKONTETO

En varma nokto, civila inĝeniero laboris pri grava afero.

Li estis devigata fari malfacilajn kalkulojn, kaj kiam li finis ilin, sentis kapdoloron kaj kapturniĝis.

Malgraŭ ke jam estis malfrue li deziris promeni iom kaj spiri pli freŝan aeron ol tiun de sia laborejo, kaj elirinte el la hejmo iris en promenejon tra kie en tioma horo tre malmultaj, personoj pasis.

Tio okazis en jam malproksima epoko kiam ofte estis raboj; pro tio la inĝeniero kunportis bastonon kiu enhavis ponardon. Kiam li iris tra malluma loko, subite aperis iu kiu puŝis lin kaj pasis. La inĝeniero kvazaŭ instinkte palpis sian poŝon kaj vidis ke lia poŝhorloĝo ne estas tie. Tuj eltirinte la ponardon el la bastono minacis la puŝinton kaj kriis. «La poŝhorloĝon».

—Sed Sinjoro!...—ekdiris la alia.

—La poŝhorloĝon!... Pro la diablo!

La puŝinton donis poŝhorloĝon, kaj rapide foriris. Dume la inĝeniero diris al si mem: «Se mi ne estus estinta sufiĉe lerta kaj rapidaga, tiu kanajlo estus rabinta al mi la poŝhorloĝon.»

Fiere pripensante pri tio promenis kaj poste iom post iom revenis hejmen. Sed kiam li eniris sian dormoĉambron kaj ĝin lumigis tiam li kun mirego vidis sur tableto sian poŝhorloĝon.

Tuj li eltiris el la poŝo la alian kaj vidis ke ĝi estas de li tute ne konita.

Li facile klarigis al si ĉion: kiam li eliris, pro la kapturniĝo kaj la cerblaco, forgesis

la poŝhorloĝon, kaj kiam li estis puŝata li pensis ke oni rabas al li la poŝhorloĝon, kiun li ne trovas en la poŝo. La trapasanto pensis ke le inĝeniero estas rabisto, kaj cedis.

La inĝeniero, do, senvole sed perforte rabis.

Li ne sciis kiel redoni la poŝhorloĝon al la posedanto, kiun li nur ekvidetis en preskaŭ plena mallumo.

Li pripensis kaj poste decidis publikigi per kelkaj ĵurnaloj la jenan anoncon:

«Deca sinjoro kiu antaŭhieraŭ noktomeze en la promenejo «B» kaj nur erare prenis poshorloĝon de iu trapasanto, plezure redonos ĝin al tiu kiu ĝin priskribante pruvos ke li estas la vera posedanto.»

*Rafael de San Millán*

---

# VOLI ESTAS POVI

Jen proverbo hispana, certe ankaŭ internacia, kiun oni povas esprimi alimaniere: «pli faras kiu volas, ol kiu povas» kaj pri kiu tiel malmulte atentas la hispanoj.

Efektive, se ni studus la vivon de famkonataj homoj de ilia infaneco, ni konstatus: ke la genio sin starigis preskaŭ ĉiam sur firma kaj konstanta volo, kiu obstine persekutis precizan celon en kiun estis trenataj la infanoj montrantaj de la unuaj jaroj iliajn inklinojn. Eduki do, la infanan volon por ke ĝi estu firma kaj obstina, kaj agrabligi kiel eble plej bone tian edukadon, enkondukante ĝin en la inklinojn montritajn de la infanoj, estas gravega entrepreno.

Jen kelkaj ekzemploj, super ĉio, pri usonanoj, ĉar en Usono tiel ofte oni trovas ekzemplojn pri firma kaj obstina volo, ke oni kvalifikas tian oftecon per la nomo *usona energio:*

Edisson, dekdujara, kolektis ducent terpotetojn proksimume, kiuj enhavis diversajn substancojn, per kiuj li starigis sian unuan ĥemian eksperimentejon. Li konstruis ankaŭ siajn unuajn aparatojn, sed kiel li bezonis aliajn pli ekzaktajn kaj fortajn, li estis devigata por havigi al si monrimedojn, peti je granda fervoja firmo destinon por vendi ĵurnalojn en la vagonaroj. Per siaj gajnoj pligrandigataj pro la frata milito, li aĉetis aparatojn kaj simplan presilaron, per kiu li eldonis la ĉiusemajnan gazeton «Weekly Herald» kiun li redaktis kompostis, presis kaj disdonis en la stacioj en kiujn venis tre malfrue la gazetaro. La sekreto de la sukceso estis havigi al si la telegramojn senditajn al la ĵurnaloj tra la fervoja telegrafa reto, kaj tial li iom forlasis la analizan ĥemion por perfektigi la telegrafon.

Li ŝparema je la tempo, profitis la ses horojn de iro kaj reveno kaj kelkajn inter la alveno kaj la returneniro de la vagonaro, por siaj ĥemiaj eksperimentoj ĉar li starigis en vagono malofte vizitata parton el sia eksperimentejo jam sufiĉe grava. Sed tagon, pro akcidento de la vagonaro, poteto enhavanta fosforon falis, kaj la enhavaĵo bruligis la departementon. La brulado detruis liajn aparatojn sed li ne malkuraĝiĝis kaj aktive li rehavis ilin, kaj imagis rimedojn por eviti novan akcidenton.

Ĉiam laborante, pli malfrue, li kuraĝigis siajn teknikulojn kaj incitis ilin daŭrigi la eksperimentojn pri la elektra lampo kiam ili senesperaj konsideris nesolvebla tiun problemon.

De antaŭ kelke da tempo, Edisson entreprenis perfektigi la gramofonon. Li sukcesis pri formulo por plibonigi la diskojn, sed unu el la elementoj de la miksaĵo estas la fenika acido, kiun oni ne produktis en Usono pro gravaj malfacilaĵoj kaj kiun Edisson liveris al si el Anglujo kaj Germanujo, sed kiel la eksportado el tiuj landoj ĉesis pro l' milito, Edisson, dum tri sen intermankaj tagoj laboradis por produkti tian acidon, kaj je la kvara tago la laboradon partoprenis kvardek el siaj helpantoj teknikaj kaj ĥemiaj dum dekok ĉiutagaj horoj, kaj post unu semajno la afero estis solvata. Je la tria semajno oni fabrikis en «Silver

Lake» tricentkvindek kilogramojn da fenika acido.

Ĵurnalisto rakontas, ke ĵus de tiu sukceso, parolante pri la nuna milito kaj ĝenerale, Edisson diris: «Elĉerpi el la Naturo en ĝiaj tranĉeoj tion, kion ĝi neas al ni; tiu estas la vera milito, la sola batalado en kiu la Homaro povas efektivigi ion restantan kaj bonfarantan.»

***

Jaime Gordon Bennet fondis la «Herald' de New-York», la plej gravan ĵurnalon de Usono, kaj li estis ĵurnalvendisto dum sia infaneco.

Mikaelo Faraday, unu el la plej spertaj fizikistoj el la mondo, ankaŭ estis ĵurnalvendisto dum siaj unuaj jaroj, kaj dank' al mastro de ĉevalejo el Londono li povis ripozi kaj dormi trankvila en angulo de tiu ĉevalejo.

La gepatroj de Galileo perfortdevigis lin studi medicinon kaj malgraŭ la plenumado de siaj studentaj devoj li iris obstine en sian inklinon. Dum la venecianoj dormis, li supreniris ĉiunokte kaj kaŝe en la turon de *Sankta Markos*. Li, per teleskopo de li elpensita kaj konstruita, inspektadis kaj studadis la spacon, kaj malkaŝis la Jupiterajn satelitojn kaj Venusajn fazojn. Tie, li sin preparis por sia doktrino pri la movado de la tero, kiun li sciigis jam sepdekjara.

Napoleón Bonaparte naskiĝis malriĉa, kaj tamen, li estis la mastro de la mondo. Kiam li estis dekjara, li konstruis en la korto de la lernejo de Brienne militkonstruaĵon el neĝo. Dekkvinjara, dum li obstine studis, li skribis sur siaj lernolibroj mem siajn opiniojn pri la taktikaj eraroj, kiujn li trovis. Li obstine per fera volo, celis kaj atingis sian deziron.

Abraham Lincoln naskiĝis en kabano. Kiam li estis infano, nenian lernolibron li havis, nek iu majstro instruis lin. Li studis sub la lumo de la stratlampoj. Lia vivo estis virta, rimarkinda kaj imitinda. Li atingis la prezidantecon de la Usona Respubliko, kaj lia unua decido estis liberigi kvar milionojn da sklavoj.

Jaime Garfiield naskiĝis en izolita kabano en la arbaroj de Ohio. Malmultajn monatojn post lia naskiĝo mortis lia patro. Dekdujara, per hakilo de li akrigita, hakis arbojn malsanajn kaj grandegajn, kaj per la vendo de la ligno profitebla zorgis sian patrinon. Dekkvinjara, li estis remisto en rivero, kaj post ne longe servisto en la kolegio de Hiram. Ĉi tie, penade, li lernis la unugradan instruadon. Por lerni la superajn studojn, li sin dungis, kiel malkaran laboriston, en ĉarpentejo. Je la dudeksepa jaro li estis deputato kaj dek jarojn poste prezidanto de la Respubliko.

Dum dektri jarojn li altrangiĝis de balaisto kaj sonoriligisto de la kolegio de Hiram al la plej alta magistrateco de la nacio.

Wilson, la nuna usona prezidanto, tagon parolis: «Mi naskiĝis en la malriĉeco. Mi scias kio estas peti panon al patrino, kiu ĝin ne havas. Miajn plej bonajn lecionojn mi ŝuldas al la malfeliĉeco.»

Kaj aŭskultanto demandis: «Ĉu kaj la triumfon?»

«Ĉiam oni ŝuldas la triumfon al la volo», respondis Wilson.

Estas dekkvin jarojn, vesperon, oni vidis kriplan infanon en la Madrida Muzeo pri Reproduktaĵoj.

Ĉiuj, kiuj kutime vizitis la Muzeon, miris rigardante kiel tiu knabeto, per sia tordigita mano, penis desegni.

Horojn kaj horojn li staris antaŭ la desegnoj. Sia patrino, je la vesperiĝo iris serĉi lin.

Du jarojn poste tiu knabeto estis mirinda desegnisto.

***

La plimulto el la grandaj homoj naskiĝis en humilaj hejmoj eĉ multfoje tute malriĉaj. Sed oni diras, ke la malriĉeco estas la sesa sento. Neniu naskiĝas absolute malriĉa. Ĉiu knabo havas kvin fingrojn en ĉiu mano por labori sian estontecon, kaj koron



KAPELO DE LA UNIVERSITATO
TOMBO DE DOÑA CATALINA DE RIVERA (SEVILLA)

por kuraĝi. Nur estas necese havi grandan volon; ĝi estas la sekreto de ĉiu triumfo; ĝi estas la plej granda kaj ambiciinda trezoro: ĝi estas nevenkebla.

Kvankam oni povas montri ekzemplojn pri firma kaj konstanta volo el ĉiuj landoj, tamen, ŝajnas, kiel ni diris je la komenco, ke la usona lando posedas la privilegion.

Ni lernu per tiuj ekzemploj; kaj ni estu konstantaj obstinaj por nia esperanta entrepreno, kies sukceson ni atingos.



# ĈIAM ENVIO KAŬZAS MALFELIĈON

Al vi...

En ★ loĝas honora vidvo progresema, sperta, sindonema, inteligenta, laborema kaj ĉiam nelacigeble celanta novan epokon feliĉan por ĉiuj; lia idealo feliĉigas lin kaj ankaŭ amo de filino lia belega junulino bruna, mastrino de bonegaj kvalitoj. Ankaŭ ŝi estas feliĉa ĉar posedas la koron de sia patro kaj tiun de junulo meritanta esti amata de ŝi: ambaŭ gefianĉoj amegas sin reciproke.

Iam la patro, pro revoluciaj aferoj estas devigata forlasi sian hejmon kaj sin kaŝi; sed tiel li amegas sian filinon ke li ĉiunokte, dum la malheleco kovras ĉion per densegaj ombroj kaj momente, envolvata en mantelo kaŝanta la vizaĝon, vizitas ŝin kaj adiaŭas sian amatan filinon per kisado eliranta el la plej profunda internaĵo: same ŝi kisas la patron. «Ĉu tiu reciproka kiso estas la lasta?!»—certe ili sin demandas pense kaj tial la kisoj esprimas la plej grandan amemocion.

Iuj, enviantaj la feliĉan mastron de la koro de la bela brunulino, sciigas al ĉi tiu la noktajn vizitojn de nekonato al ŝi, kaj kiel, je la adiaŭo, la belulino kaj la nekonato kisas sin reciproke tre ameme. La fianĉo jaluziĝas freneze kaj viglas atente la domon de la amatino kaj konstatas la viziton. Li alproksimiĝas, rigardas tra la truo de la seruro kaj rimarkas kiel ili restas brakpremataj kaj mallaŭte parolantaj kaj kisantaj sin reciproke, sed li ne povas vidi la vizaĝon lian; li fine aŭdas la adiaŭon kaj kisadon plenan je amemo, kaj freneziĝanta decidas mortigi la ŝtelanton sian feliĉon; li malantaŭeniras kaj sin kaŝas atendante lian eliron kaj tenante ponardon.

La nekonato eliras kaj rapide antaŭeniriras sed la frenezigata junulo saltas de sojlo en lin kaj traboras lian koron per terura ponardfrapo gvidata de sovaĝa venĝemo.

.....................................

Sekvantan matenon rapide flugis ĉien novaĵo pri mortigo de la revoluciulo. La amanto sciinta la okazintaĵon, sian krimon, subite freneziĝas; la bela brunulino ploras la perdon de la tutkaregaj amatoj. Malfeliĉo falis en estaĵojn indajn je eterna feliĉo! Envio tiel agas!

*Simplulo*

# Malfermata letero

Al S-ro Nicomedes Ullar.
Sabadell.

Kara amiko:

De kiam vi publikigis vian malfermatan leteron al mi, mi uzis ĉi tiun intertempon por varbi entreprenantojn tia cele de vi esprimita, ĉiuj senkulpigis sin pretekstante motivojn malpermesantajn plenumi ĉi tiun aferon.

Mi malfacile transskribas miajn pensoj sur papero, tial mi ne taŭgas por direkti kune kun vi fakon en gazeto, kaj due mi havas mian libertempon tre okupata en sindikata, kursa kaj propoganda esperanta aferoj, tiel se mi akceptos sur min novan taskon okazos la pravigo de proverbo «Kiu multe ĉirkaŭprenas malmulte premas», tamen se vi kuraĝas fondi ĉi tiun fakon mi klopodos helpi vin proporcie je miaj fortoj, plion mi ne povas promesi al vi.

Salutas vin,

*Jozefo Roig Camps*

Barcelono.



KAPELO DE LA UNIVERSITATO

TOMBO DE DON PEDRO ENRÍQUEZ (SEVILLA)

# Civil-religia festo en Jaca

Ĉiujare, solene festas, je la unua maja vendredo, faman datrevenon pri kiu tradicio diras al ni proksimume jenon: Oni ne scias precise la jaron, ĉu je 760 aŭ je 790, kvar maŭraj reĝoj komandantaj 60.000 mahometanojn venis de *Navarra* realmiliti *Jaca'n*. La grafo Aznar decidis aliri, kun ĉiuj viroj kapablaj batali, al la malamiko, kaj tiel li sin ĵetis heroe en la maŭran militistaron, proksime de *Jaca*, ĉe la kuniĝo de la riveroj Gas kaj Aragon kvankam la *aznaranoj* estis unu kontraŭ cent. Spite kuraĝego kaj heroaĵoj de la kristanoj, ĉi tiuj, pro maŭra amasego, estis ekvenkataj, kaj kurieroj sciigis al la urbo bataldisvolviĝon. La virinoj de la urbo decidis tial alkuri al la batalkampo por morti kun siaj patroj, edzoj, fratoj, parencoj kaj amikoj, kaj, vestitaj blanke kaj amase, sin direktis en la batalejon. La kristanoj rekuraĝiĝis pro feliĉa helpo de nekonata militistaro alvenanta; la maŭroj malkuraĝiĝis timante esti franca helpo la blanka militistaro alvenanta. Samtempe, nubegoj disŝiriĝis fulmege, tondre, pluvege; la riveroj elbordiĝis kaj iliaj fluoj fortrenis la teruritigitajn maŭrojn, dum la kristanoj terure mortigadis ilin. La Dia kolero helpis la grafon Aznar, kaj de tiam Jaca restadis kristana! La maŭraj reĝoj pereis dum la batalo kun preskaŭ la tuta militistaro mahometana.

Ĉi tiun okazintaĵon festas la *Jacanoj* (elparolu Ĥakanoj) ĉiujare tiu vendredo. Je la oka matene oni organizas la procesion civilreligian: unue marŝas maskoj (tipaj grandkapuloj kaj gigantoj) antaŭ muzikistaro ludanta militmarŝon, kaj sekvas du legendaj rotoj el civiluloj simboligantaj la civilan helpon al la grafo Aznar, armitaj el ĉaspafiloj, kiujn konstante pafas; kaj unu el tiuj rotoj estas karakterizata de la tipaj kostumoj aragonaj, vestante la kapojn de la rotanoj strangaj ĉapeloj el floroj, folioj kaj fruktoj artifikaj kun larĝaj kaj longaj silkrubandoj diverskoloraj. Poste iras parto el katedrala pastraro kulvestita kaj kantanta preĝojn kaj letanion. Rimarkinda kvankam stranga estas aŭdi samtempe eksplodbruon de la ĉaspafiloj, akordojn de la muzikistaro kaj preĝkantojn de l' pastroj, kaj vidi la rotanojn marŝantajn milite kaj la pastraron penantan per peza paŝado sekvi tiujn.

Post la pastraro marŝas delegitaroj kaj fine la urbestraro, sed unuavice marŝas urbestrano simboliganta grafon Aznar kaj portanta la flagon de la urbo, kun violkolora tuniko kun oraj galonoj kaj la urba blazono dorse; sur la kapo stranga ĉapelo nigra kaskforma proksimume, el glaceo kun ornamaĵo plektita el sama tolo, kvazaŭ moderna virinĉapelo. La flagportanto marŝas inter du maleportistoj kun tunikoj similaj je tiu de la flagportanto, biretoj, blankaj perukoj kaj portantaj ŝultren arĝentajn maleojn artajn. La rotoj ankaŭ havas flagojn. Sekvas publikamaso. Tiel marŝadas unu kilometron, kaj pastroj, urbestranoj, delegitaroj kaj parto el la publiko aliras aŭtomobile kaj omnibuse al preĝejeto staranta sur la batalkampo; ceteraj piediras al ĝi.

Apartenas al la procesianaro stranga militisto simboliganta la venkiton. Li kovras sian kapon per la aŭtentika kasko de la grafo Aznar kaj portas ankaŭ la aŭtentikan defendŝildon de la grafo; sed mi opinias ke la pasado de la tempo perdigis la signifon tradician de tiu persono, ĉar tial ke li estas simboliganta la venkiton li devas porti la kaskon kaj defendŝildon de la venkinto kiel humiligito, kiel servutulo tenanta humiligita la defendŝildon kaj, sur ĉi tiu, la kaskon.

Post meso kaj funebraj kantoj de la pastroj okazas lunĉo. La urbertraro regalas ĉeestantojn per specialaj tortoj bongustaj, dolĉaĵoj, pastеĉoj kaj speciala vino bongusta kapabla revivigi la grafon Aznar malgraŭ tiom da jarcentoj pasitaj.

Aŭtomobile, omnibuse kaj piede oni revenas ĝis la eniro de la urbo en kiu oni reorganizas la procesion al la katedralo en kiu restas la pastraro, kantinte preĝojn, kaj la civilularo aliras al la urbestrejo, kie la procesio finiĝas.

# MIA GITARO

*(Kantebla laŭ malaga popolmelodio)*

*Sur sa guitare il chante et soupire à la fois;*
*Ses doigts ont un accent, ses cordes une voix:*
*Son chant est un poëme harmonieux sans [rime;*
*Tout ce que l' on éprouve et l' on rêve, il [l' exprime.*

(GIRARDIN)

Kantu la mia gitaro,
Kantu ĝi sentojn de l' kor',
Kantu ĝi pri amo mia,
Kantu ĝi pri la dolor'



Kantas la mia gitaro,
Ploras silente anim'...
Baldaŭ la revaj momentoj
Venos se ajn ia lim'.



Kantas la mia gitaro,
Kantas ĝi sentojn de l' kor'
Kantas ĝi pri amo mia,
Kantas ĝi nun pri dolor'.

Originale verkita de
*Felikso Díez*

Bilbao.

# KIEL ĈIAM KAJ ĈIE ONI POVAS PROPAGANDI ESPERANTON

Kvankam mi silentas sekson, nomojn kaj lokon de la okazintaĵo, kaj mi min kaŝas sub pseŭdonimo, atentu, karaj gelegantoj, ĉar vi konstatos kiel grandanimulo ĉiam kaj ĉie propagandas nian lingvon karan, la lingvon entenantan plej grandan idealon tial ke alveno de tutplena interkompreniĝo malaperigos reciprokan malamon, kun ĝi, militojn ĉiajn, perfortdevigojn ĉiajn; kaj tiam *la dezirinda evolucio paca* regos la progreson de la Homaro kaj atingos ĝian feliĉon. Ni, do, spertadu kaj imitu tiun pri kiu mi parolas kaj ni tion ĉi faru konstante.

Iam kaj ie, jus, iu suferis ekzamenon; ĝi unue devis fari skribaĵojn pri memvola temo, ilin prezenti kaj poste respondi demandojn de la ekzamenantanoj. Ĝi skribis, skribadis pri Esperanto; ĝi finis. Unu el la tribunalo demandis ĝin pri la difinita traktato; sed por ĝi la demando estis bagatelo kaj ĝi trankvile, flue eĉ oratore paroladis longe pri Esperanto. Ekzamenantoj miris kaj unu el ili demandis: «Kio estas tio pri Esperanto?» Serioze kaj tute trankvile ĝi respondis, klarigadis nian helplingvon karan, ĝian movadon; ju pli ĝi klarigadis, des pli miris tribunalanoj, same kiel ĉeestantoj, kiuj strangigitaj murmuretis; sed ĝi, trankvilega. mastrumanta sian eksterordinaran volon, daŭrigis sciigante al la tribunalo kaj al la aŭditorio la sanktan aferon nian. Iam, tribunalano diris: «Sed internacia lingvo ne estas disvastigata», kaj ĝi grandanime diris: «Vi estas prava: internacia lingvo helpa ne estas disvastigata ĉe ignorantoj, ĉe gentoj malbone instruitaj, kiel tiuj ĉi de mia regiono; sed iru al lando en kiu instruado vere progresadas pli kaj pli kaj vi trovos multenombrajn geesperantistojn». La ekzamenantoj rigardadis mirigitaj sin reciproke; la ĉeestantoj restis buŝmalfermite. Fine, ĝi sukcesegis.

*Simplulo*

## AVERTO

Iom da ripozo estas necesa por tiuj kiuj laboras aperigi min; tial, mia Aŭgusta numero aperos kune kun Septembra. Ne senpacienciĝu, do!

# KASTILJIO

## ROMANCOJ

### I

### VOJAĜAS DON BUESO...

—Al la maŭra lando—iras *Don Bueso*... Ĉu vi rememoras la ravan romancon infanan? Ĝin kantas la infanoj en Asturio, sub la foliaro de la pomarboj; ĝin kantas la infanoj, apud la ulmoj plenaj je polvo en Kastiljio ĝin rememoras ni, la viroj—ĉiuj viroj -, tremante, kiam ni suferas doloron kaj malespero estas kaptinta nin:

Al la lando maŭra,
malvarma mateno,
serĉi amantinon,
iras *Don Bueso*.

*Don Bueso* renkontas knabinon lavantan ĉe fonto. Ho, la manoj de *Rosalinda*—ĉu perlamoto, rozo?—ludantaj la klaran akvon de la rivereto! Kaj *Don Bueso* alparoladas al ŝi. Kaj la knabino—kun ora hararo, eknaskiĝantaj mamoj, voĉo delikatema, bluaj okuloj—sin konfidas al la kavaliro. Ili rajdas sur la ĉevalo al la kristanaj kamparoj. Kie estas la fonto, kiu kvazaŭ spegulo reflektas la dometon de la princino? La mateneto estas malvarma; la vento ĝemas dolore tra la kampoj; la aero, kvazaŭ akrigita ponardo, ŝajnas tranĉi; la ĉielo havas diafanecon kristalan, kaj en la ĉielo ŝajnas tremi la profiloj de la ebenaĵo - kreskaĵo, la tegmento de domaĉo, lentiskoj (1)—. La vilaĝoj maŭraj estas malhelbrunaj kaj malafablaj. Agitas la malamojn ĉe ili; la virinaĉoj kun okuloj brilaj kantas kriantajn kantojn kaj dancas rirevence sed hipokrite kaj perfide. Ĉu kamparo de Toledo, de Madrid, de Cuenca (Kuenka), de Guadalajara (Guadalaĥara)?

Sur ĉevalon sian,
tuj li ŝin rajdigis;
sed ŝi, dum dek mejloj,
nek parolon diris.

La knabino ne parolas en kamparo, kiu ne estas ŝia. Sed la suno jam aperas supren la herbejoj kaj la valoj sin montras al ni tute verdaj kaj herbaĉojn emajlas la roseto; la brutaroj vagadas sen gardistoj, blekas la bovinojn, piedbruas la ŝafidoj eĉ la ĵusnaskitaj, la ŝafinoj blekas dolĉe en la soleco. Kaj la knabino, kaptita de maŭroj, rekonas la teron en kiu ŝi naskiĝis kaj kreskadis. Kaj ŝiaj manetoj manplatfrapas ĝojege, kiel kolombidoj revenantaj al la kolombejo. Kaj en la blua lago de ŝiaj okuloj aperas ondo el rava kaj ridetanta maltrankvileco. Kaj ŝi spiradas avide kaj forte. Kaj ŝia brusto blanka kaj eknaskiĝanta moviĝas, ampleksiĝas kadence sub la jaketo. Kaj ŝia hararo ora ŝajnas esti formata el radioj de tiu tagiĝo:

Ŝi konas la teron
de naskiĝo sia,
kaj kun dolĉa ridet'
kaj ĝoj' diri scias:
«Ho!, herbejoj gajaj,
kie tolojn siajn
sternis la reĝino,
la patrino mia,
dum mia infanec';
kie, ankaŭ tial
reĝo, mia patro
la hundaron tiam
dresis kaj kurigis;
kaj kie filon lian,
*Don Bueso*, frato
tre amata ĉiam,
la militaj agoj
tre famigis iam,
ankaŭ heroaĵoj
eĉ kavaleriaj.

La knabino kaptita de la maŭroj estas la princino *Rosalinda;* la malbenitoj sklavigis ŝin; dum dek jaroj devigis ŝin lavadi, malproksime de la gepatroj, apud la fonto; *Don Bueso* konfuziĝas kaj ne scias kion kredi; sed *Rosalinda* montras al li la rozon difinantan sian devenon, metita sur la brusto. La gefratoj brakpremas sin reciproke, kaj, lacaj je rido kaj je kisoj, ploras. En la pala-

(1) *Lentiscus*, malalta arbo.

co festis la liberigon kaj revenon de la knabino, okazis festoj eĉ kavaliraraj kaj rajdbatataloj inter du kavaliroj por rompi kvazaŭ lancoj. La reĝidino edziniĝas kun nobelo juna kaj bela malmultajn tagojn poste.

Sed *Don Bueso*, ve!, ne estas feliĉa kiel sia fratino. Li de nove foriras serĉi amon— serĉi amantinon—, ree spronfrapas sian brunflavulon ĉe l' silento kaj kvieteco de mateno danĝera:

*Don Bueso* rajdis,
pro sia decido,
kaj rajdas, rajdadas,
en maŭran landlimon,
malvarma mateno,
serĉi amantinon.

Kaj la romanco finas ne dirinte al ni kiam revenis kaj kun kia dolĉa ŝarĝo sur la brunflavulo, kaj kun kia ĝojo aŭ malĝojo en la animo, la frato de la princino *Rosalinda*. Kaj la infanoj, kiuj nun kantas la romancon ne atentas, ĉar ili ne estas maturuloj, pri ĉio kio mankas al la romanco naiva je doloro kaj melankolio.

*José Sánchez Rojas*

2.an Julio, 1919.

Esperantigis el hispana lingvo,

*J. M. Rosenörn*

---

# GRIZA VESPERO

(PORTRETO DE L' VINTRO)

I

Akre pluvas, kaj tra ĉie
tre rapide akvo fluas
en torentoj tre glacie,
dume ĝiaj fluoj bruas.

Kaj la herboj, subpremataj
pro la pezo de la pluvo,
kuŝas planken distranĉataj
kiel montras tia pruvo,

Falas ĉiuj la mimozoj
pro la froto de la plantoj,
senfoliiĝas la rozoj,
ne odoras la diantoj.

La verdeco de l' kamparo
estas kote makulata,
surŝoviĝas la nubaro
sur ĉielo tute glata.

Ne hodiaŭ varma suno
sendos siajn helradiojn,
kaj ni sentos kiel puno
la malvarmon de l' glacioj.

Kaj la meteoro pasas
forvaganta sur la tero,
kaj post si, nur ĝi ellasas
la efektojn de mistero.

II

En la balkono apogata
apud ŝtona balustrado,
estas knabin' absorvata
de profunda pripensado.

Sur la kampon ŝi rigardas
platon tre melankolian,
kaj ĉe sia koro gardas
ian premon nostalgian.

Ŝi, domaĝas nun la florojn
sentas la ilian morton,
nun, interne verŝas plorojn,
ne balbutas ian vorton.

Ŝi kompatas la birdetojn
kiuj serĉas tre malsataj
sur la kampon la grenetojn
kun flugadoj akurataj.

La knabino estas tie
en profunda enpensiĝo;
halucinaci' el ie
ŝin envolvas en reviĝo.

Kaj malvarme la vetero
kruelege frostglacias,
dume, grize la vespero
en silento agonias.

*Jaime Monfort*

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# BIBLIOGRAFIO

## LILIO

Jen belega originala rakonto verkita de F-ino E. Alleyne Sinnotte. La vivo de l' ĉefrolulino Lilio similas printempan tagon, dum kiu «de tempo al tempo la helblua ĉielo kovriĝas de subita nubo kaj refreŝiga pluveto ekfalas», sed poste «ĉio estas sunbrila kaj hela denove».

Lilio plenumas saĝe kaj sindone sian rolon. Ŝia Majstro (kiel la stadisto de teozofio diras), aŭ ŝia gard' anĝelo (laŭ multaj religianoj) helpas Lilion en danĝeraj kaj malkvietigaj momentoj, por ke ŝi povu plenumi bone sian devon, precipe pri Ĝojo.

Iaj paĝoj pensigas pri la problemo de la homa evoluado, kaj sur tiuj paĝoj brilas, kiel perloj sur juvelo, iaj belaj pensoj: «Tero estas lernejo; homoj, lernantoj.» Ni devas lerni nian lecionon, sed ne juĝi agmanieron de aliulo.» «En la vivo rekompenco de leciono lernita estas plimalfacila leciono.» «Ĉiu virino devas havi ian intereson ekster la domo, por ke ŝi ne fariĝu indiferenta kontraŭ eksteraj aferoj.»

La suprecititaj frazoj montras ankaŭ la bonstilon de la verko. Eble, laŭ la privata opinio de l' cenzuristo, ia prepozicio ne estas bone uzata same kiel iuj dirmanieroj, sed tio ne estas notinda.

Fine Lilio mortas. Post la printempa tago venas nokto printempa feliĉiga. Laŭ espero de l' aŭtorino, aliaj tagoj sekvos por Lilio, kiu rikoltos dum ili la bonon semita dum la tago de la rakonto.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la Hieroglifo: (Alta RO) ALTARO

Solvo de la Verba Spritludo: APLAŬDI
PLAŬDI
LAŬDI
AŬDI

Sendis la solvon de la Verba Spritludo, S-ro P. Naranjo el Jerez.

## HIEROGLIFO

NKT OJAUARTNOK P

## LITERLUDO

KVAR LITEROJ KAJ KVAR RADIKVORTOJ

| | |
|---|---|
| ● ○ □ ■ | SUFOKIĜO |
| ■ □ ○ ● | PUNKTO |
| ● □ ○ ■ | PIKILO |
| ○ □ ■ ● | CIRKLOFORMA |

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Agúiló, 67, Barcelono (España).—Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I.° montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

---

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander*.

---

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio).—Volonte korespondados kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

---

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P, K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono*.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Diego Aznar.—Str. Canalejas, CUEVAS (Almería).—Deziras karespondadi kun japanaj kaj hindaj gesamideanoj poŝtkarte aŭ letere, precipe pri popolmoroj.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid